YU ISSN 0352-1583

# TEMPO

3
1991

ČASOPIS SAVEZA ZA ESPERANTO HRVATSKE

INFORMILO DE KROATIA ESPERANTO-LIGO




50 NUMEROJ DE „TEMPO"

## KVINDEK NUMEROJ DE „TEMPO" KAJ ĜIAJ ŜANCOJ POR TRAVIVI

Kiam antaŭ multaj jaroj mi havigis jarkolektojn de „La Suda Stelo", la plej grava Esperanto-gazeto iam ajn aperinta en Jugoslavio, mi detale trastudis ĝin, kaj mi rimarkis ĝiajn helajn kaj ĝiajn senelirajn momentojn. Kiam oni anoncis aperon de numero 96, kiu devis aperi la 18-an de aprilo 1941, neniu povis scii, ke ĝi aperos nur en novembro 1947. Intertempe venis milito, kaj la 4-an de aprilo 1941 la faŝismaj fortoj atakis Jugoslavion.

Mi ne volus esti nigra profeto, sed la situacio en nia lando, speciale en ĝiaj sendependaj respublikoj Kroatio kaj Slovenio, estas terure streĉaj, kaj la eksterlandanoj jam diras pri certa speco de milito. En tiaj cirkonstancoj, ne estas facile okupiĝi pri t.n. „ŝatokupoj", al kiuj oni nombras ankaŭ Esperanton.

Alvenis 50-a numero de nia gazeto. En sia pli ol jardekon longa vivo, ĝi havis gravan rolon por nia Esperanto-movado. Sed ekde la lasta pasinta numero ĝia preskvanto malkreskis je duono, ĉar ne sufiĉas abonantoj, kaj KEL mem ne povas financi ĉiam pli grandajn preskostojn.

En tia situacio estas preskaŭ cent-procente klare, ke nia revuo ne havas grandajn ŝancojn por vivi ankaŭ en 1992. Des pli, ĉar jugoslaviaj politikistoj anoncas pli grandan krizon fine de ĉi tiu jaro kaj komence de 1992, pro kiu ekmankos varoj en la merkato, kaj papero uzata por ĝia presado fariĝos strategia materialo pro militdanĝero.

Mi bedaŭras, ke malgraŭ malgranda jubileo, ĝi pli similas al funebra procesio, sed kiu scias kion povas alporti la tempo antaŭ „Tempo". Ĉiukaze, ĝi aperos regule en 1991, ĉar KEL certigis sufiĉan kvanton da papero por ĝia presado. Tamen, se ni volas ke ĝi vivu pli longe,

NEPRE TUJ SENDU VIAN INDIVIDUAN ABONON
120 DINAROJN AL KONTO 30102-678-4863.

La redaktoro



# MALFERMITA LETERO

AL MEMBROJ DE LA PREZIDANTARO DE KROATIA ESPERANTO-LIGO, ĜIAJ PREZIDANTO KAJ SEKRETARIO KAJ ĈIUJ KONSCIAJ ESPERANTISTOJ

* * *

En la Esperanto-movado de Kroatio mi aktivas jam preskaŭ 15 jarojn, kaj dum tiu periodo mi konatiĝis kun ĝiaj strukturo, funkciado kaj fukciuloj. Sed, mo volus kolerege krii pro la nuna stato, kiu, laŭ mia takso, estas la plej mizera en postmilita periodo. Plurfoje mi atentigis pri tio, proponis eventualajn solvojn kaj protestis, kelkfoje eĉ sola faris ion por provi solvi la problemojn. Ne pro mi mem mi faris tion, sed mi ne povis resti trankvila rigardante ruiniĝon de la organizaĵo al kiu ankaŭ mi donis mian kontribuon dum 15 pasintaj jaroj. Dum tiuj jaroj mi „kreskis" el komencanto al profesia oficisto ĉe Internacia Kultura Servo, kaj poste al memstara Esperanto-entreprenisto, de kursgvidanto, radio-parolisto al verkanto, informanto, redaktoro, tradukanto, presisto ... kaj kio alia, nur dio sciu, ĉar ĉiu kiu pli profunde okupiĝas pri Esperanto, plimalpli agas multflanke. Granda parto de aktivuloj laboras amatore, nur malmultaj duonprofesie, kaj vere nur esceptuloj povas vivteni sin per gajno por sia Esperanto-laboro. Kiu ajn elstariĝas el maro da amatoroj, iom post iom fariĝas escepto en tiu hierarkio, kaj ties nomo aperas ĉie. Ĝuste tial unu, t.n. „esperantisto" foje ĵaluze diris al mi: „Kiu vi estas por pravigi vian monopolemon en la Esperanto-movado?" En tiu aŭ alia formo la samo okazas ankaŭ al aliaj elstaruloj de nia movado; foje flanke de simpla membraro, foje flanke de aliaj konkurantoj por gvidaj postenoj. La sola saĝa respondo al tio devus esti ke, tuŝante ies monopolemon oni devas konscii, ke tia stato ne estas atingebla per malplenaj vortoj, sed per obstina kaj multjara laboro. Tial, ĉu oni devas malbeni la homojn, kiuj volonte laboras por la movado, eĉ sub kondiĉo ke ili akiras t.n. „monopolemon"?

Kiam en Kroatia Esperanto-Ligo komenciĝis perturboj meze de la pasinta jaro, kiam oni volis eviti erarojn de la antaŭaj periodoj, sed samtempe estis premitaj per grandaj krizoj ekonomia kaj membrara, je instigo de kelkaj prezidantaranoj de KEL, mi fariĝis engaĝita esperantisto. Ĝis tiam mi agis je loka nivelo kaj pli-malpli ofertis servojn de mia presejo al la Movado. Kompostitaj kaj presitaj ĉe mi estis preskaŭ ĉiuj E-gazetoj aperantaj en Jugoslavio, kaj granda parto de la libroformaj eldonaĵoj. En tiaj cirkonstancoj mi laboris por ĉiuj grupoj, por grupoj kun malsamaj celoj, kvankam interesis min almenaŭ ŝajna toleremo en la Movado. Kiam mi fariĝis membro de KEL-prezidantaro kaj samtempe redaktoro de „Tempo", mi estis ege entuziasma, kaj la komencaj sukcesoj eĉ pli kuraĝigis min. Sed, kiel ofte okazas, seniluziiĝo baldaŭ venis. La laboro ne donis la atenditajn rezultojn, membroj de la Prezidantaro ne estis sufiĉe aktivaj, aŭ sole agis por kritiki alies erarojn. Mi konstante telefonadis kaj demandis, sed kontentigan respondon ne ricevadis. Ĉefe tio koncernas la aktualajn prezidanton kaj sekretarion. Mi provis kritiki per informoj en „Tempo" kaj per akraj vortoj ĉe la lasta kunsido de la Prezidantaro, sed fine la Prezidantaro akceptis kelkajn saĝajn proponojn kaj samtempe admonis min, ke mi uzas oficialan gazeton de Kroatia Esperanto-Ligo por ataki la Ligon mem. Miaj agoj estu taksataj ankaŭ tiel, sed mi volis ke la membraro havu bildon de la vera stato de kroatia Movado, kaj ke ĝi ne estu plibeligata.

La lasta kunsido de la Prezidantaro interkonsentis, ke estu farita nova statuto, kunvokita Jarkunveno por la 1-a de junio, kio devis solvi la krizon. Bedaŭrinde, la lokaj societoj, kiuj nuntempe ekzistas grandparte nur surpapere, ne reagis al la cirkulero de KEL, kaj pro malmultaj respondoj, la KEL-gvidantoj ne kunvokis jarkunvenon, kaj eĉ ne informis la societojn pri ĝia neokazigo. Kaj tiel KEL trovis sin en senelira situacio. Se ne ekzistas sufiĉaj delegitoj por okazigo de jarkunveno, ĝi ne okazos, kaj se ĝi ne okazos, la krizo ne estos solvita.

En kolera interparolo antaŭ kelkaj semajnoj, mi finfine diris tion al la deĵorantino, kaj celis ke ŝi mesaĝu miajn starpunktojn al la prezidanto kaj sekretario. Se vere oni ne povas konservi KEL kiel aktivan asocion, ni kunvoku ĝian malfondkunvenon, kaj ĉesu turmenti nin ĉiujn. Ĉar, eĉ simpla membraro, tiuj unuopuloj kiuj pacience pagas la kotizon, ne kredas ke KEL plu ekzistas. Ĝis kiam tia opinio regos, ĝi havos nenian eblecon por resaniĝo. Kaj tio plej doloras tiujn, kiuj serioze plenumas siajn funkciojn.

Se ankaŭ post ĉi tiu averto, neniu el la prezidantaranoj respondos kaj faros ion por savi la situacion, mi promesas plenumi miajn funkciojn en KEL-prezidantaro kaj redakcio de „Tempo" ĝis fino de 1991. Poste mi eksiĝos, kiel ajn malfacila por mi estos tiu decido.

Josip Pleadin



# *Skribas la legantoj*

## Lingva paĝo (I)

*Sinjoro ĉefredaktoro,*

*Bone estas konstante aperigadi atentigojn pri la korekta aŭ ne lingva uzo. Sed ne estu tio nur unuflanka opinio, kiu nenie bonvenas, nek en politiko nek en lingvistiko. Jen alia opinio pri la kritikita vorto „prifesti".*

*Publike estis prezentita dubo pri korekteco de la esprimo „prifesti". Kroatlingva traduko estas „proslaviti", legebla ĉie, „festi" (slaviti) malpli ofte. La vorto „prifesti" ne troviĝas inter ekzemploj cititaj en PIV sub la ĉapitro „pri".*

*Mia klarigo*:*

| *PRIFESTI/PRIFESTO* | *FESTI/FESTO* | *FESTADO/FESTADI* |
|---|---|---|
| *Okaza, nekonstanta, nedaŭra aranĝo aŭ ago.* | *La vorto entenas signifon pli daŭran.* | *Inverso de „prifeso". Aranĝo aŭ ago akcentite daŭra.* |

*Ĉu „prifesti" same korektas kiel en PIV cititaj ekzemploj „prilumi", „priskribi"?*

*Emilija Lapenna*

---

** Klarigo:*

*Sinjoro Golden estas akademiano kaj direktoro de la sektoro pri ĝeneralaj vortaroj. Do, verŝajne, neniu neos lian kompetenton. „Prifesti" certe ne konvenas por ĉio rilatanta festadon, sed ĝi estas la ĝusta kaj la plej adekvata traduko de la vorto „proslava", kiu ne estas „slava" aŭ „slavlje" aŭ „svečanost". Ĉu en aliaj lingvoj ekzistas tiu nuanco, mi ne scias, sed en la kroata kaj serba „proslava" multe pli oftas en diversaj tekstoj ol „slavlje". „Krsna slava": Familia sanktulfesto, sed „priredba Majčina dana u dječjem vrtiću": Prifesti Patrin-tagon en infan-vartejo. Se tio estas zagrebismo aŭ ne, mi plue uzos „prifesti" en la frazoj postulantaj tian esprim-nuancon.*

*Emilija Lapenna*

## Lingva paĝo (II)

Opinio de sinjoro Bernard Golden:

*KOMENTOJ PRI „festi/prifesti"*

*Bedaŭrinde mi ne ricevis citaĵojn el „Tempo" aŭ aliaj fontoj, kiuj ilustras la diferencan uzon de „festi/prifesti" e n k u n t e k s t o j . Vane mi serĉis informojn en la konsultlibroj je mia dispono. Vortaristoj ne registras la prefiksan verbformon. Ĝi mankas eĉ en la vortaroj de Gjivoje kaj Živanović. Mi kontrolis ankaŭ registraĵojn de sinonimoj de „festi" – „celebri", „soleni" – sed ankaŭ ili estas uzataj sen la prefikso „pri". Povas esti ke „prifesti" estas kroatismo, kiu formiĝas per laŭmorfema traduko de p r o s l a v i t i . La signifo „ okaza, nekonstanta, nedaŭra aranĝo aŭ ago" rezultas de la altrudo de la signifo kaj funkcio de la kroata prefikso „pro" al la Esperanta prefikso. Mi ne trovis ĉe aliaj verboj kun la prefikso „pri" en PIV kaj „Plena Analiza Gramatiko" (§399), ke „pri" funkcias por limigi la daŭron de la ago esprimita en la verbo. Miaopinie tiun nuancon oni povas esprimi nur per la paro „festi/festadi". Ofte la sufikso „-ad" estas superflua, ĉar la kunteksto informas pri la daŭro.*

*Mi povas proponi alian signifon por „prifesti" surbaze de analogio kun verbformoj kiel „prikanti" kaj „priĵeti". Laŭ PIV „festi" estas transitiva verbo; la rekta objekto, kiu sekvas ĝin estas la nomo de la festa okazo: „festi sabaton", „festi geedziĝon", „festi datrevenon". Kiam estas necese indiki la personon, oni diras „festi al iu". Sammaniere funkcias „kanti". Oni kantas kanton, himnon aŭ poemon al iu. Per aldono de la prefikso „pri." al „kanti" la transitiva verbo rilatas senpere ne al sia rekta, sed al sia nerekta objekto.*

*a. La poeto kantas himnon al la naturo (aŭ al Dio).*
*b. La poeto prikantas la naturon per himno.*
*La poeto prikantas Dion per himno.*

*Jen kelkaj frazoj kun „festi/prifesti".*
*a. La gepatroj festis la naskiĝ-datrevenon al la infano.*
*b. La gepatroj prifestis la infanon okaze de la naskiĝ-datreveno.*

*Por esprimi daŭron oni povas uzi la sufikson „-ad".*
*a. Oni festas la naskiĝ-datrevenon de Zamenhof la 15-an de decembro.*
*b. Esperantistoj tradicie (aŭ regule) festadas la naskiĝ-datrevenon de Zamenhof la 15-an de decembro.*

*En frazo b la sufikso „-ad" estas redunda, ĉar la kunteksto montras, ke temas pri ripetiĝanta, daŭra fest(ad)o.*

*Ankoraŭ tri kontrastaj frazoj estas la sekvaj.*
*a. En la antikveco la romianoj festis la saturnaliojn en decembro.*
*b. La romianoj fest(ad)is la saturnaliojn dum sep tagoj en decembro.*
*c. Okaze de la saturnalioj, la romianoj prifestis Saturnon.*

*Mi esperas, ke mia klarigo povas esti utila al vi.*

*Barnard Golden*

# ĈU ONI AGAS AŬ AKTIVAS
## agado kaj aktiveco

En „ZELano" mi trafis je jenaj esprimoj (ĉiuj en la numero 3/41 kaj preskaŭ ĉiuj sampaĝe):

eldona aktiveco
aldonaj aktivecoj
en preskaŭ ĉiuj aktivecoj de KEL ...
malkresko de klubaj aktivecoj
la antaŭviditaj komunaj aktivecoj
certaj aktivecoj estis faritaj por ...
daŭras aktivecoj por renovigi ...
ekzistis neantaŭviditaj aktivecoj

Ni vidu, kion diras PIV pri la esprimo „aktiveco":

> AKTIVECO — 1. eco de iu, io aktiva: „oni admiris la aktivecon de la ĝenerala sekretario"; aktiveco de drogo. 2. (plurale): tuto de ies agoj: „koncizaj informoj pri la aktivecoj de SAT".

Ĉe la supre cititaj ekzemploj la esprimo „aktiveco" donas iom pli akcentitan nuancon al la dirotaĵo el bezonate. En ĉiuj frazoj, senescepte, pli taŭgas la bela esperanteca esprimo: ago, agado (kiu signas konkreton, dum „aktiveco" estas abstraktaĵo kaj tiaesprime devojiĝas de la intencita nocio.

Ĉu ne pli taŭgas: eldona agado, aldonaj agadoj, la antaŭviditaj komunaj agadoj, en preskaŭ ĉiuj agadoj de KEL, malkresko de la klubaj agadoj, certaj agadoj estis faritaj (oni agadis, agis je ...), daŭras agadoj por revenigi (oni agas je revenigo ...), ekzistis neantaŭviditaj agadoj ...? La ago-kunmetaĵoj, kiuj estas malofte renkonteblaj en niaj bultenoj kaj gazetoj, prezentas multfacetan esprimeblon: agi, agadi, ago, agado, agema, neagema, agigi, agiĝi, reagi, kontraŭagi, misagi, senagado, agadmaniero, agadplano, agadeblo, agadebleco, aginda, priaginda ktp. Krom tio oni ne apliku nur la substantivan formon. Oni variigu la esprimojn verbigante, adjektivigante, adverbigante ilin — por tiamaniere akiri la necesan vortodinamikon (aginda, senaga, age, agante, agade, agadante, agantoj ...).

# NIA HISTORIO 3

*Aŭtoro: JOSIP PLEADIN*

## PRI LA UNUAJ ORGANIZITAJ GRUPOJ

Antaŭ ol ni tuŝos la gravan temon aluditan en la supra titolo (ĉar ankaŭ pri ĝi ekzistas diversaj opinioj), necesus mallonge skizi la evoluon de Esperanto ĝenerale, en la mondaj proporcioj dum tiuj jaroj.

Esperanto per sia alveno tute pereigis la ĝis tiam bone progresantan volapukon. La unuaj jaroj de Esperanto estis sub la granda influo de Zamenhof kaj la interna ideo. Tiu periodo estas karakterizata per nelimigita idealismo kaj entuziasmo, kaj la ĉefan parton de la movado konsistigis rusoj (en la jaro 1898 — 80 procentoj de la esperantistoj estis rusoj[9]). La eksvolapukistoj el Eŭropo parte transiris al Esperanto. Inter la unuaj troviĝis la Nurnberga volapukista klubo, kiu poste komencis eldoni la unuan E-gazeton „La Esperantisto" (1889). Post la morto de la ĉefa kolono de ĝia eldonado, L. Einstein, Zamenhof mem provis daŭrigi la eldonadon, sed en 1891 la gazeto ĉesis aperi. Tiam la financan subtenon malavare donis vestfalo W. H. Trompeter, kaj la gazeto denove ekaperis. En la movado en 1893 aperis krizo kaŭzita per postuloj reformi Esperanton, sed ĝi estis malsukcesa. Ĝi tamen kaŭzis, ke parto de la adeptoj forlasis Esperanton, precipe en Germanio, kie ĝis la jaro 1903 eĉ ne ekzistis iu Esperanta societo (la nurnbergaj eksvolapukistoj forlasis Esperanton kaj transiris al nova projekto — Idiom-Neutral kaj poste al Ido).

En la jaro 1895 malaperis „La Esperantisto" por ĉiam kaj post kelkaj monatoj ĝin anstataŭigis „Lingvo Internacia" (1896, Uppsala, Svedio), kiu estis subtenita de la rusaj esperantistoj. Sed ankaŭ ĝi havis gravajn problemojn kaj kelkfoje al ĝi minacis malapero.

La komenca, idealisma periodo, finiĝis ĉirkaŭ la jaro 1900, kiam stabiliĝis la movado. Tiam la movado trovis bonan terenon en Francio, kie L. de Beaufront agis grandskale. Sed tiu periodo estas karakterizata per reformaj intencoj de pluraj gvidantoj de la movado, kiuj plejparte nur finance subtenis ĝin.

Pri Esperanto en 1901 ekinteresiĝis la firmao „Hachette et C-ie" en Parizo, kiu riĉigis nin per pluraj gravaj eldonaĵoj („Kolekto aprobita", „Verkaro de L.L. Zamenhof"). Ĉe la firmao aperis en 1906 „La Revuo", la plej ampleksa gazeto esperantista (dank' al C. Bour-

let). Sed la firmao tre baldaŭ montris monopolemon, pro kiu ekestis disputoj en la movado. Ĝenerale la movado tamen kreskis. En 1904 fondiĝis en Parizo ankaŭ „Preska Esperantista Societo", kiu estis konkuranto de la firmao „Hachette".

La jaro 1905 estas grava pro la Unua kongreso en Boulogne sur Mer, kies ĉefa organizinto estis A. Michaux. Ĝi solvis kelkajn problemojn: 1) akceptis la deklaracion pri Esperanto kaj esperantismo, entenanta la principon de neŝanĝebleco de la Fundamento kaj 2) fondis Lingvan Komitaton. Sed, dum la periodo kiam ĉio ĉi okazas, konkurado kaj reformemo tamen ne ĉesis, sed grave malutilis al la movado. En 1907 al tiam ekzistanta „Delegitaro por alpreno de internacia lingvo", anonima persono proponis novan projekton – Ido. En 1908 jam estis tute klare ke ĝia aŭtoro estas L. de Beaufront", kiu ekde tiam aperte batalis kontraŭ Esperanto. Ido tiam fariĝis la plej akra malamiko de Esperanto kaj kaŭzis denove splitiĝon de la movado. Sed ankaŭ ĝi ne povis tute detrui la Esperanto-movadon.

De post la malsukceso de Ido, do de post 1908, la movado ĝenerale kreskas sen pli gravaj skuoj.

En tiaj kondiĉoj ankaŭ en Jugoslavio ekaperis la unuaj spuroj de la organiziĝo. Ni unue pritraktu la grupojn en Vršac (1904) kaj Rijeka (1905 kaj 1907), pri kiuj skribis Marinko Gjivoje.[10]

VRSAC estas urbo ĉe la hungara landlimo kaj la grupon tie fondis Pál Tholt, profesoro de la reallernejo. Komparante la tempon kiam fondiĝis la nomita grupo kun la Adresarserio XXVI kiu aperis proksimume samtempe, ni konstatas ke ĝuste en tiu adresaro unuafoje aperas esperantistoj en Vršac, kaj tuj aperis kvin nomoj. Ne eblas ne rimarki, ke tri el la kvin estis studentoj, dum la du aliaj estis fraŭlinoj (do ankaŭ junaj personoj). Eble tiu fakto povus signifi, ke la grupo estis fondita enkadre de la lernejo kie laboris Pál Tholt. Sed, tion pruvu la estontaj esploroj!

Pri la grupo fondita en la jaro 1907 en Rijeka, detale skribis s-ano Radoslav Škalamera[11], ĵurnalisto en la rijeka taggazeto „Novi list". Trafoliuminte la malnovajn jarkolektojn, li sukcesis ekhavi klaran situacion pri tiu societo, kies ekziston akompanis konstantaj artikoloj en „Riečki Novi list" el tiu tempo. En la numero de la 3-a de oktobro 1907 la gazeto alportas la jenan artikolon (traduko farita laŭ la originalo, far' la aŭtoro de ĉi-tiu teksto):

*KONSTITUIĜO DE ESPERANTISTA GRUPO. La esperantista fondkunveno de la pasinta sabato (t.e. sabato la 28-an de septembro 1907 – rim R. Škalamera) estis amase vizitita. Baruno L. Orczi malfermis la kunvenon per Esperanta parolado, kio elvokis bonegan impreson. Fondiĝis „Adriatika Ligo Esperantista", kies tasko estos disvastigi la internacian lingvon Esperanto en la landoj ĉirkaŭ la Adria maro. La*

*unua sukceso de la Ligo estas, ke ĝi faris en Rijeka sekcion kun la nomo „Fiumana Esperantista Grupo", kiu havos por sia laborkampon Rijeka kaj la ĉirkaŭaĵon. En la estraron por „Adriatika Ligo Esperantista" estis elektitaj: barono L. Orczi, kiel prezidanto; inĝeniero E. Mihić, kiel sekretario; Rikard Rack, kasisto, dum la estraro de „Fiumana Esperantista Grupo" konsistas el sinjoroj E. Springhelt kiel prezidanto, R. Gilić kiel sekretario, A. Schuetz kiel kasisto kaj A. Schlemmer kiel bibliotekisto. Monata kotizo estos 80 fileroj, dum ĉe la membriĝo necesas pagi sumon de 2 kronoj. Kiu deziras membriĝi, tiu povas kontakti per simpla poŝtkarto s-ron Rudolf Gilić, Via della Riva, n-ro 2, aŭ membrojn de la estraro kiuj portas la internacian esperantistan signon (verdan kvinpintan stelon).*

Fondiĝo de la du grupoj menciitaj en ĉi tiu artikolo nepre venigas al la konkludo, ke ĉi tio tamen ne estis komenco de la movado en Rijeka. Tion pruvas kelkaj faktoj: unue, inter la fondintoj troviĝis ankaŭ Teodor Kovács, kies esperantistiĝo datiĝas jam en 1904. Krome, barono L. Orczy kaj tre verŝajne ankaŭ la inĝeniero E. Mihić (kiu gvidis la unuan kurson ekde la 22-a de decembro 1907) estis malnovaj esperantistoj. Krome, M. Gjivoje en sia „Historio..." notas fondiĝon de E-grupo en Rijeka en 1905. (Ĉi tiun fakton mi ne sukcesis kontroli. Ĉu temas pri simpla eraro, aŭ pri du diversaj grupoj?)

„Riečki novi list" pri la ekzisto de E-grupo daŭre skribis, kaj dum la jaroj 1907 kaj 1908 publikigis 19 artikolojn.

Bedaŭrinde, la grupo ne daŭris longe kaj tute certe ne sukcesis plenumi la tro ambiciajn planojn. Kial mi tiom arbitre asertas tion? Unue, ĉar pri la grupo jam en la jaro 1909 oni nenion notis. La oficiala E-gazeto „Kroata Esperantisto", kiu en 1909 komencis aperadi, kaj kiu notis ĉion novan en la E-medio de nia lando, eĉ per unu linio ne notas ĝin. Eĉ s-ano Škalamera ne skribis pri la artikoloj en „Riečki novi list" en 1909, sed nur ĝis la jaro 1908. Mi supozas, ke la barono L. D'Orczy estis la ĉefa figuro en tiu grupo. Aliflanke, D'Orczy estis viktimo de la „Ido-skismo", pri kiu mi donis mallongan informon en la enkonduko de ĉi tiu ĉapitro. Verŝajne dum la jaro 1908 D'Orczy transiris al Ido, kaj tiamaniere disfalis ankaŭ la grupo. Ke D'Orczy vere estis idisto, klare diras Petro Stojan en sia „Bibliografio de Internacia Lingvo" (paĝo 502).

---

*9) E. Drezen: „Analiza historio de Esperanto-Movado", Ekrelo, Leipzig, 1931*

*10) Marinko Gjivoje: „Historio de Esperanto-Movado en Jugoslavio", 1965*

*11) „Heliko" n-ro 7, februaro 1984*

# UTILE kaj INTERESE

## LA 17-a UNUAMAJA RENKONTIĜO OKAZIS

Jam tradicia Unuamaja renkontiĝo de Esperanto-junularo okazis inter la 2-a kaj 4-a de majo en Pale apud Sarajevo, organizita de Esperanto-societo el Sarajevo kaj Universitata Esperanto-Klubo el Sarajevo. La renkontiĝon partoprenis 180 gejunuloj el diversaj partoj de Jugoslavio. La programo konsistis el kvizo kaj sportaj konkursoj, kaj la laboran parton konsistigis diskutoj pri „partopreno de Esperanto-junularo en eŭropaj movadoj".

Kiel malagrabla evento estas menciita ĝumnokta ĉifigo de la flago de internacia Esperanto-movado, kion faris „nekonataj personoj".

## JARKUNVENO DE JAFE EN SARAJEVO

Jarkunveno de fervojista fakorganizo JAFE okazis en la hotelo „Terme" en Ilidža la 20-an de aprilo. Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 200 reprezentantoj el ĉiuj landopartoj. Akceptita estis nova statuto de la organizaĵo kaj signita 35-jariĝo de aperado de la organo de JAFE „Jugoslavia fervojisto".

## ROK-MUZIKO

Lastatempe aperis nova revuo: „Rok' Gazet' ". Ĝi okupiĝas pri rokmuziko en Esperanto kaj pri ĝia ĉirkaŭo. La eldonisto estas „Eurokka", asocio kiu zorgas pri la diskonigo de Esperanta muziko.

La gazeto ege belaspektas kaj estas plenplena de fotoj kaj ilustraĵoj; ĝi enhavas raportojn, artikolojn, intervjuojn al gekantistoj aŭ grupoj, recenzojn pri novaj diskoj, anoncetojn ktp. ... krome enestas sekcio por kontaktoj inter muzikemuloj.

Dani Rubió

## FELIĈA FAMILIO EL KEBEKIO

Sub tiu ĉi titolo aperis en „Bulgara Esperantisto" de februaro ĉi-jare, la teksto pri la familio Fleury. Malantaŭ tiu nomo kaŝas sin bonaj konatoj de jugoslaviaj esperantistoj. Nome, la edzino estas Zdravka, naskiĝinta Metz, nia aktivulino el Varaždin. La edzo Normando Fleury, kanada esperantisto. Esperanto multfoje fariĝis edzperanto, kaj tiel ankaŭ nia Zdravka renkontis Normandon en Esperantujo, ĉe la IJK en Rauma. Post kelkaj jaroj ili geedziĝis kaj trans-

lokiĝis al lando de la edzo. Tie naskiĝis iliaj infanoj Damir kaj Mira, kiuj estas denaskaj esperantistoj. La geedzoj aktivas en la Esperanto-movado, kaj kiel aliel estus, ĉar Zdravka dum sia vivo en Kroatio estis unu el la plej agemaj, precipe en Koprivnica, kie dum kelkaj jaroj ŝi laboris.

Foje, post multaj jaroj surprizas nin tiaj tekstoj pri homoj, kun kiuj ni renkontadis regule, kaj tiam ili trovis sian apartan vojon. Estas interese kelkfoje rememori pri la pasinteco.

## INTERNACIA KORESPONDA LINGVOKURSO

Hungara Esperanto-Asocio lanĉis „Internacia korespondan lingvokurson". Unuavice, ĝi estas dediĉita al esperantistoj kiuj deziras plibonigi sian lingvoscion, sed kiuj ne havas tempon por partopreni ordinarajn kursojn.

Laŭ tabelo de landenspezo oni kalkulis ke la interesuloj el Jugoslavio pagas 42 guldenoj. Por plifaciligi la aferojn, interesuloj el nia lando pagos en dinara egalvaloro laŭ la taga kurzo. Peranto estas Zagreba Esperanto-Ligo. Informojn pri vi bonvolu sendi al Hungara Esperanto-Asocio, pf 193, H-1396 Budapeŝto. Samadrese vi povas aliĝi al la kurso, dum la aliĝilon sendu kopie al ZEL (adreso de la sekretario Marija Belošević, Miškinina 130, 41000 Zagreb). La pagojn oni faras post ricevo de la unua taskofolio.

M. Belošević

## NI ESTIS EN BUDAPEŜTO

Zagreba Esperanto-Ligo meze de aprilo organizis kvartagan ekskurson al Budapeŝto, unuavice por gelernantoj kiuj lernas Esperanton en organizo de ZEL. Al la gelernantoj aliĝis ankaŭ kelkaj plenkreskaj esperantistoj el Zagreb kaj Varaždin.

La programo estis interesa kiel kutime. La gelernantoj prezentis programon kroatlingve kaj Esperante, la unuan en la kroatserba bazlernejo kaj la alian en Urbodomo de Budaös, kie la organizanto estis Lernejo „Talento", nome ĝia sekretario s-ro Lukacs. Reprezentantoj de la gelernantoj partoprenis viziton al Unuiĝo de Kroatoj en Hungario, kaj pridiskutis eblecon pri plua kunlaboro (ĉar la Unuiĝo organizis la prezenton en la kroatserba lernejo).

M. Belošević

## GRATULINDA INICIATO

Meze de majo Zagreba Esperanto-Ligo sendis al ĉiuj E-societoj en Kroatio koverton plenan je interesaj programfolioj pri diversaj aranĝoj en Esperantujo tra Eŭropo. Ĉar aliĝiloj atingas unue la organizaĵojn en gravaj centroj, multfoje malgrandaj kluboj ne povas informiĝi ĝustatempe pri ĉio vizitinda. Tial la ekzemplo de informa laboro, kiun faris ZEL per sendo de ĉi-tiuj informiloj, estas gratulinda ekzemplo kiel oni devas agadi.

## PREZENTITA „LA DERVIŜO"

La 9-an de majo ĉi-jare en Zagreba Islama - centro estis prezentita nova eldono de Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino „La derviŝo kaj la morto" de Meša Selimović. La tradukon faris „zagreba" franco Roger Imbert. Ni devas mencii, ke preskaŭ samtempe dum li tradukadis la libron, naskiĝis alia traduko de Jovan Zarković el Pančevo. Sed la eldonisto elektis la Imbertan. Antaŭ plena salonego al la aŭskultantoj la verkon de Selimović ĝenerale kaj ĝian Esperantan eldonon prezentis profesoro Pranjić de la Zagreba Filozofia fakultato. Meša-etoson donis ankaŭ unu lia lernanto el Tuzla. La prezento estis organizita kunlabore kun Internacia Kultura Servo. Post la prezento, la ĉeestintoj vizitis la moskeon.

M.B.

## FONDITA MONTENEGRA ESPERANTO-LIGO

Sabaton, la 22-an de junio ĉi-jare en Titograd estis fondita Montenegra Esperanto-Ligo. La solenaĵon partoprenis kvardeko da anoj, plejparte ĵus finitaj gekursanoj, kiuj komence de la Kunveno ricevis diplomojn. Al la fondiĝo multe kontribuis sinjoro Milićko Miketić kaj Unuiĝo de blinduloj de Montenegro, en kies ejoj estis organizita kurso kaj fondkunsido, kaj kies ejoj estos samtempe sidejo de la nova ligo (adreso: Njegoševa 6, 81000 Titograd).

La prezidanto fariĝis Milićko Miketić kaj sekretario Momčilo Sekulić.

Al la nova Ligo ni deziras plenan sukceson.

## PRI UK KRITIKE

Kongreslando de la ĉi-jara UK estas Norvegio, kiel konate. Sed, tiuj kiuj ne konas ĝeneralajn cirkonstancoj, ekveis, ke Norvegio estas tro multekosta por kongresumi. Tio estis unu el gravaj elementoj, kiuj malebligis al multaj orientlandanoj ekvoji al Bergen. Jen kiel la staton prezentis sovetiaj esperantistoj.

### KONGRESO EN BERGEN – POR KIUJ?

Dum la pasintmerkreda kunveno de la Esperanto-klubo „Leo Tolstoj" en Moskvo okazis io kio serioze komencis dubigi min pri la veraj intencoj de la organizantoj de la UK. Ĉu ili deziras kongreson kun partoprenantoj el kiel eble plej diversaj landoj, aŭ ĉu la ĉefa celo (nun eĉ por esperantistoj!) fariĝas gajni monon? Tiun impreson oni povis ricevi aŭdante la leteron kiun oni laŭtlegis antaŭ la klubanoj (instigitan de LKK kaj skribitan de CO): Ĝi estis nerekta peto al ĉiuj sovetianoj kiuj ne havas multe da mono, ke ili bonvolu ne veni al UK. Oni sentis, ke la leterskribinto atendas de sovetianoj nur almozpetantojn kaj problemulojn kiuj volas vivi je la kosto de aliaj. Temas pri hontinda malinvito al UK-91.

La sola (laŭ mia scio) kaŭzo ke la letero estis skribata, estas ke iuj sovetianoj pensis (nun evidentiĝas, ke pro miskompreno) ke UK bezonas laborantojn kiuj antaŭ la kongreso loĝus en Bergen farante preparlaboron. Ni do skribis al LKK demandante, ĉu tio estas vera aŭ ne. Sed kial ne sufiĉus respondi normale afable kaj civilizite al tiuj, kiuj demandis? Kial necesas esprimi al ĉiuj moskvaj esperantistoj tian tute senbazan suspektemon kaj malbonvenigemon?

Okcidentuloj devus scii, kion pretas oferi sovetianoj por partopreni niajn kongresojn. Temas pri multaj tutaj monataj salajroj, nur por unu semajno sen manĝaĵoj, en propra dormosako! Indas ankaŭ noti, ke la plej grandaj prezdiferencoj, inter niaj landoj estas ĝuste je tiuj bazaj varoj kiuj estas neeviteblaj por la kongresanoj. Mi ekzemple kalkulis, ke pano kaj lakto kostas 100-oble pli en Bergen ol en Sovetunio, kaj unu vojaĝo per urba buso kostas 200-oble pli aŭ egalas al du tutmonataj biletoj de senlima vojaĝado en ĉiuj transportiloj de Moskvo! Tre malfaciligaj estas ankaŭ la burokratiaj flankoj de vojaĝoj eksterlanden, kaj la prezoj de trajnbiletoj kelkobliĝis post novjaro. Sed ĉio ĉi kompreneble estas obstakloj pri kiuj nek ili nek ni kulpas, kaj mi tute ne alvokas al iuspeca helpagado, kiun certe pli ol ĉiuj malŝatus la sovetianoj mem.

Sed estas ankaŭ kampoj, pri kiuj regas LKK kaj UEA, kiuj povas pli aŭ malpli faciligi partoprenon. Antaŭ ĉio mi pensas pri la prezo de la amasloĝejoj (16 guldenoj ĉiutage por la rajto meti sian dormosakon surplanken kaj duŝi). Mi ne sentas min tute konvinkita, ke LKK faris sufiĉe por trovi (preskaŭ) senpagan tranoktejon. Ĉu vere ili jam demandis al ĉiuj lernejoj kaj sportejoj de Bergen, ĉu eblas senpage (eventuale kontraŭ purigado) disponi ilian ejon dum unu feria semajno? La nuna prezo de la amasloĝejo fortimigas ne nur sovetianojn, sed ankaŭ okcidenteŭropajn senlaborulojn, junulojn kaj kelkajn pensiulojn (se ne mencii tiun preskaŭ fantazian penson ke iuj afrikanoj aŭ aliaj neeŭropanoj provus proprakoste kunkongresi. Sed kiam oni elektis kongresi en la plej multekosta lando de la mondo, oni ja konsciis, ke oni al multaj dezirantoj malebligis partopreni).

Ankaŭ indus klarigi, kiel ekzakte UEA traktas la aliĝilojn el Sovetunio. Esperebie tiuj ekzemploj, kiujn mi konas, estas nur akcidentaj, nevolaj mistraktoj. Kelkaj personoj plenigis la aliĝilon, indikante la kategorion por netranspagipovaj landoj (do por tiuj, kiuj laŭ la aliĝilo rajtas pagi je la alveno). Al tio UEA respondis, ke ili sendas invitilon nur „al tiuj, kiuj jam pagis la kongresan kotizon. Escepte ni sendas ĝin ankaŭ al la individuaj membroj de UEA kiuj serioze intencas aliĝi." (Sed UEA ja bonege scias, ke ne eblas transpagi, kaj ke ne eblas ricevi vizon sen invitilo. Kaj kion signifas tiu vorto s e r i o z e ?)

Do, vere oni povas demandi sin, ĉu al nia kongreso ĉi-jare oni bonvenigas nur tiun parton de nordokcidentaj esperantistoj kiuj intencas partopreni la 35-guldenajn lunĉojn. Ĉu ni ne pli bone strebu al tiu maksimume internacia, multkolora, multnombra kaj festa kolektiĝo de ĉia-

specaj diversecoj, pri kiu tiel unike povas fieri nia Esperanto-movado? Tio estas certe pli interesa por ĉiuj partoprenantoj, kaj la plej bona reklamilo al nia ne-Esperanta ĉirkaŭaĵo.

Marianne Lund
(en Norvega Esperantisto 2/91)




## PRI VOJAĜOJ DE ZAGREBA ESPERANTO-LIGO

De la 7-a ĝis la 9-a de junio ZEL organizis novan vojaĝon: al Aŭstrio. La celo estis vizito de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno kiel dum la lastaj jaroj, sed ankaŭ vizito al Salzburg, naskiĝurbo de Mozart.

* * *

Fine de oktobro ZEL organizos denove vojaĝon al Bologna. Ĝi estos plurtaga vizito al ĝemelurbo de Zagreb. La aliĝojn oni akceptos ĝis la 20-a de septembro, kaj la prezoj estos konataj post feriaj monatoj, fine de aŭgusto.

* * *

Pro la politikaj cirkonstancoj en nia lando, ĉiuj kiuj provis organizi grupojn por vojaĝi al la UK en Bergen devis rezigni. Tiel ankaŭ ZEL lastmomente nuligis sian grupon. Ŝajnas, ke inter la kongresanoj pro tio troviĝos nur raraj jugoslavoj.

## ESPERANTO EN AZIO

Pri evoluo de Esperanto en tiu granda kontinento nomata Azio, nin atingas nur sporadaj informoj. „La Revuo Orienta", japana informilo, en sia marta numero prezentas utilajn adresojn de organizaĵoj esperantistaj en diversaj aziaj landoj. Jen, ni transprenas tiun adresliston.

TAJVANO: Tajvana Esperantista Asocio, p/a Wang Chung-Yi, No. 13, 2 Alley, 40 Lane, Chung Yung Street, Shih Lin, Taipei, Tajvano.

VJETNAMIO: Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, 46, str. Trân Hung Dao, Hanôi, Vjetnamio.

Hanoja Esperanto-Klubo, 46, str. Trân Hung Dao, Hanôi, Vjetnamio.

Esperanto-Asocio de Hochiminh-Urbo, p/a Nhâ Huu Nghi (Domo de Amikeco), 31, str. Lê Duân, Hochiminh-Urbo, Vjetnamio.

TAJLANDO: Esperantista Grupo de Bangkok, p/a Pho Thamkhajadpaikun, 42 Aree Samphan 5, Rama 6 Rd., Phyathai, Bangkok 10400, Tajlando.

MALAJZIO: Malajzia Esperanto-Asocio, p/a Chan Sook Wai, 1008 Jalan Selesa 4, 58200 Kuala Lumpur, Malajzio.

SINGAPURO: Singapura Esperanto-Asocio, 68 Lorong 16, Association Building 04-03, Singapuro 1439.

HINDA UNIO: Federacio Esperanto de Bharato, p/a S. S. Pal, 35/1, Swa-

mi Vivekananda Road, Howrah-711 101, Hinda Unio.

Bangalora Esperanto-Centro, p/a S.S. Pradhan, 97, 24th Cross, III Block East, Jayanagar, Bangalore-560 011, Hinda Unio.

NEPALO: Nepala Esperanto-Asocio, p/a Quest Language Institute, Kamalpokhari, Kathmandu, Nepalo.

PAKISTANO: ' Pakistana Esperanto-Asocio, P.O. Kesto 549, Multan-60000, Pakistano.

MONGOLIO: Mongola Esperanto-Unuiĝo, poŝtkesto 733, Ulan-Bator, Mongolio.

SRILANKO: Esperanto-Centro Srilanka, 71, Pagoda Para, Nugegoda, Srilanko.

TURKIO: Turka Esperantista Asocio, p.k. 54, Üsküdar, 81132 Istanbul, Turkio.

IRANO: S-ino Ĵ. S. Saheb-Zamani (ĉefdelegito de UEA por Irano), 46 Azar-shahr, Iranshahr Scamali, Tehran 15-846, Irano.

ISRAELO: Esperanto-Ligo en Israelo, P.O.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv, Israelo.

## MONDA MERKATO

Iniciatita de s-ro Alfred Schubert el Munkeno, aperis tutmonda gazeto kun anoncoj de entreprenoj kaj privataj personoj, sub la nomo „Monda merkato". Ĝi enhavas diversspecajn komercajn kaj privatajn anoncojn, kiuj estas dividitaj en specialaj grupoj. S-ron Schubert instigis eldoni ĉi-tian gazeton konstantaj petoj de alilandaj esperantistoj. Tiamaniere oni povas oferti diversajn varojn kaj servojn, kies vendo estus farata per helpo de Esperanto. Speciale utila ĝi estas por triamondaj esperantistoj, kiuj povas oferti siajn servojn al granda merkato de okcidenta Eŭropo. Se vi interesiĝas pri aperigo de v i a anonco, ni aldonas adreson de la eldonejo: Linguistisches Bureau Alfred Schubert, Poŝtfako 1539, W-8120 Weilheim, Germanio.

Jugoslavoj povas ricevi specimenon de la gazeto ĉe Josip Pleadin, pp 96, 43350 Djurdjevac.

## ĴUS APERIS EN NIA LANDO

Kvankam en Jugoslavio ĉi-momente regas granda manko de financoj por eldona agado, tamen, en Esperanto aperas novaj kaj novaj eldonaĵoj. Inter la plej aktivajn eldonistojn en Esperanto nombriĝas Internacia Kultura Servo el Zagreb kiel la plej frua, poste ekaktivis Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino, Zagreba Esperanto-Ligo kaj Esperanto-klubo „Koko". Pluraj societoj krome aperigas de tempo al tempo iun titolon.

El la plej lastaj eldonaĵoj ni menciu aperigon de:

KROATIA ESPERANTA POEMARO, antologieca poezi-kolekto, kiu kolektis poemojn de 22 kroatoj kiu originale verkis poezion en la Internacia Lingvo. La 110-paĝan libron eldonis Internacia Kultura Servo el Zagreb.

FAMILIO TALHE estas prozaĵo, rakonto-kolekto, kiu portas subtitolon „Ŝedrvanĝardeno" (Fontoĉardeno). La aŭtoro estas juna bosnia-hercegovina verkisto Irfan Horozović, kaj la libro aperis en la „Biblioteko Banjaluka". Amplekso: 116 paĝoj, eldonisto: Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino, Sarajevo.

10.000 VORTOJ – deka eldono de la poŝformata vortaro (Esperanta-kroata kaj inversa), kiun kompilis grupo da aŭtoroj. La 10ñan eldonon aperigis Esperanto-klubo „Koko" el Djurdjevac. Amplekso: 154 paĝoj.

## APEROS BALDAŬ

Ke la eldonado de valoraj verkoj ne ĉesos, anoncas per sia Serio „Koko" la samnoma Esperanto-klubo. Baldaŭ estos publike prezentitaj du novaj poŝformataj libretoj:

NOĆNIK – NOKTULO estas dulingva poemaro de Zdravko Seleš. Ĝi estas la unua en la nomita serio, kaj ampleksas ĉirkaŭ 60 paĝojn. La eldonon subtenis loka Kulturfonduso, kaj oficiale ĝi devus esti prezentita enkadre de la programo de „Picokijada" (regiona kultura festivalo).

LA TAJDO estas jam konata al malnovaj esperantistoj. Temas pri la sola libroforma poeziaĵo de fama ruso Nikolao Hohlov. La unua eldono aperis en 1928 kaj represas ĝin en la serio „Koko" la eldonisto el Djurdjevac en 1991. Amplekso 60 paĝojn.

## LABORKAMPADO

Estas multe da renkontiĝoj kaj kongresoj dum la somero. Sed se ci ne havas multe da mono, sed tamen havas energion, kaj se ci ŝatas Esperanton, nepre legu ĉi tiun tekston.

Oni ofertas al vi laborkampadon en Ardeŝo (departemento de Francio). Partopreni laborkampadon, tio estas oferi kelkajn semajnojn de sia tempo por malkovri regionon kaj landon ja laborante por loka projekto. „ĈIEL-ARKO" (Espace Arc en Ciel) proponas al vi laborkampadon de la 2-a ĝis la 13-a de aŭgusto 1991 por partopreni la konstruadon kaj la aranĝon de la tereno de ... KREADOCENTRO.

Nu, „Arc en Ciel" ne estas esperantista organizo, sed loka kultura organizo kiu aktivas eĉ en ĉi tia montara regiono kaj kies junaj „estraranoj" ĉiujare okazigas aŭ rokkoncertojn aŭ ĵarfestivalon kaj ili serĉas speciale kelkajn esperantistojn por tiu ĉi laborkampado; ĉar 2 el ties „estraranoj" entuziasme lernas Esperanton ekde ĉi-februaro, kaj esperantista grupo ekzistas en la komunumo.

Partopreni laborkampadon, tio signifas kunvivi kun la lokaj loĝantoj, kaj gejunuloj. Tio signifas akiri riĉigan kolektivan sperton. Vi loĝos en granda indiana tendo (tipio), vi manĝos senpage kaj laboros nur duontage (posttagmeze vi estos tute libera). Krome: en la sama periodo okazos ĵazfestivalo kaj vi povos ĉeesti. Ĉi-jare partoprenos en ĝi Luther Allison, Didier Lokwood, Monica Passos, ktp.

Esperantisto(j) kiu(j) volas veni iomete pli frue aŭ iomete pli longe resti en la vilaĝo povas tranokti ĉe la novaj aŭ ne novaj esperantistoj.

Petu pli da informoj de:
Association Espace Arc en Ciel, Ecole de Malarce, Malarce sur la Thines, F-07140 Les Vans, Francio, telefono: 75.36.94.64.

## GRATULON PRO LA RESANIGO DE PASPORTA SERVO

„Pasporta Servo" estas tre populara maniero eluzi la ŝancojn pri malmultekosta vojaĝado, kies membroj ofertas senpagan aŭ malmultekostan loĝadon (kaj eventuale aldonajn servojn) al la vojaĝantaj esperantistoj.

Pro multaj kialoj dum unu jaro la organizaĵo iomete stagnis, sed jen, alvenis informo, ke ĝi resaniĝis. Reaperis la adreslibro de Pasporta Servo, kaj ĝi mendeblas ĉe UEA/TEJO. La jugoslavia peranto estas Ankica Jagnjić, Stubička 75, 41000 Zagreb.

## 8-a INTERNACIA FESTIVALO

27-a decembro — 3-a januaro 91

Internacia Festivalo prezentas specifan programon por la „dua generacio" (mezaĝuloj) kaj junaj familioj kun aŭ sen infanoj, sed ankaŭ gejunuloj estas bonvenaj. IF okazas sub lerta gvido de kompetenta organizanto, paralele (laŭtempe, sed ne samloke) al Internacia Seminario (IS), junulara aranĝo de GEJ.

Pli ol duono de la pasintjaraj partoprenintoj deziris reveni al Sensenstein: la domo estas familikonvena kun 2- ĝis 6-litaj dormoĉambroj

kaj disponas pri naĝejo, saŭno kaj gimnastikejo (senkoste je via uzo). Sed atentu: la maksimuma kapacito de la domo estas 140 personoj, do frua aliĝo utilas!

Kassel/Sensenstein, en la centro de reunuigita Germanio, estas facile atingebla aŭtostrate kaj fervoje. Funkcias alventage transporta servo por trajnalvenantoj. Speciala IF-Oficejo kaj -Gastejo.

Sub la kadra kaj aliaj temoj okazos prelegoj kaj diskutrondoj. (Prelegantoj kaj kontribuantoj, speciale ankaŭ por la vespera programo — kaj helpemuloj — bonvolu kontakti la organizanton.)

IF alparolas ĉefe flue parolantajn geesperantistojn, sed por komencantoj (ekz-e via partnero) ni antaŭvidas lernigajn kaj paroligajn kursojn.

Por viaj infanoj estas specialaj eblecoj: ili ĝuas apartan porinfanan programon kaj prizorgadon, krome ili povas dormi en gepatra ĉambro (diversgrandaj ĉambroj). Infanoj sub 2 jaroj estas bonvenaj, sed la gepatroj mem zorgas pri ili (ekz-e manĝo, tuttaga prizorgo), ili do estas sekve senkotizaj.

Speciala Esperanto-Gastejo „La Knajpo" atendas vian viziton ĉe biero, vino (i.a. kun la konata Esperanto-Vino), kafo kaj kuko. En nia Oficejo vi povas ŝanĝi viajn valutojn, aĉeti bildkartojn ktp.

Ni prezentos al vi intresan vesperan programon, kaj tradician silvestran balon kun granda silvestra bufedo. Tuttaga ekskurso al najbara regiono (iama GDR, verŝajne Leipzig) estas en preparo.

Laŭ propono de lastjaraj partoprenintoj ni iniciatis Fonduson por subvencii IF-partoprenantojn el nepagipovaj landoj. Ni anticipe dankas pro via financa subteno resp. rezigno pri honorario.

Aliĝkonfirmilon resp. 2-an kaj 3-an onformilojn (kun pli detalaj informoj pri alveno kaj programo) vi ricevos post aliĝo. — Ĉiuj rajtoj rezervitaj, precipe pri akcepto de pliaĝuloj kaj partatempuloj.

Organizanto: Hans-Dieter Platz, Postfach 1148, D/W-3501 Niedenstein, telefono 05624/8007, telefakso 05624 /322.

Fine necesas diri, ke la IF okazos en Sensenstein, 20 km oriente de Kassel, kaj ke ĝi estas aranĝo por personoj inter 25 kaj 55 jaraĝaj.

## AŬGUSTE EN HUNGARIO

Internacia Junulara Semajno, anoncita por la 1-a ĝis la 7-a de aŭgusto, okazos en hungaria urbo Esztergom. La semajno estas taksata „la plej internacia en Orienta Eŭropo". La urbo Esztergom kun ĉ. 50.000 loĝantoj situas apud la rivero Danubo, ĉ. 60 km nordokcidente de Budapeŝto.

La aranĝo okazos en junulara centro apud la urbo, inter la montetoj, en pitoreska valo nomata Búbánat-völgy. Loĝi eblos en lignaj dometoj (prezo 5800 Ft/220 gld), en 2-litaj ĉambroj (9800 Ft/290 gld) aŭ en propra tendo (4600 Ft/170 gld).

Ankoraŭ ne estas malfrue aliĝi, se vi ne povas atingi UK.

# ESPERANTO KAJ „MOLAJ" DIKTATUROJ

Mallongigita artikolo de Vilmos Benczik publikigita en „Hungara Vivo" n-ro 90/3-4, kiun ni transprenis el „Norvega Esperantisto"

Esperanto estas esence d e m o k r a t i a fenomeno. Tial p r i n c i p e la ideala socia medio por Esperanto estas demokratio. Por diktaturoj ĝi estas io fremda, eĉ danĝera. Tamen, dum la lastaj kvar jardekoj en la „molaj" diktaturoj de Orienta Eŭropo la Esperanto-movado atingis ŝatindajn rezltojn. Tiujn sukcesojn oni ofte atribuas al tio, ke en tiuj landoj dum la intermilita periodo funkciis forta maldekstrula Esperanto-movado, kaj multaj de ties aktivuloj postmilite atingis altajn postenojn en la diktaturaj reĝimoj. Sed tio estas kaŭzo nur duagrada, dum esencan rolon ludis la cirkonstancoj de la mola diktaturo. (Pripensu ekz-e, ke en Aŭstrio, malgraŭ eĉ prezidento esperantista, Franz Jonas, la E-movado atingis konsiderinde malpli ol en orienta Eŭropo).

Do jen kelkaj aspektoj de la molaj diktaturoj kiuj ebligis la prosperon de la E-movado:

1. En diktaturo decidoj naskiĝas arbitre, ilin faras nur malmultaj homoj — do por atingi decidon favoran al Esperanto, sufiĉis gajni la simpation nur de malmultaj.

2. Pri publikaj monoj same decidis malmultaj homoj — sen efika socia kontrolo! — tiel do pli facile akireblis mono por movadaj celoj.

3. Ĉia ideologia diktaturo — kaj la komunisma precipe! — inklinas al mesiismo, ĝi pretas provi feliĉigi la homojn kontraŭ ties volo. Entute, ĝi inklinas al utopioj. Oni povas diri, ke la konceptoj „la fina venko de komunismo" kaj „la fina venko de Esperanto" interparencas. Do, la klara mesiismo de la E-movado estis trajto nepre simpatia por komunista pensmaniero.

4. La Orient-eŭropaj diktaturoj daŭre havis legitimecajn problemojn internajn kaj e k s t e r a j n . Por ili eĉ la limigitaj eksterlandaj propagandebloj, kiujn prezentis Esperanto, estis ne neglektindaj. El tio fontas la relative vasta ŝtata aplikado de Esperanto.

5. La socie bunta Esperanto-movado dum mallonga tempo trovis en si la homojn, kiuj pli-malpli akcepteblis por la diktaturo, kaj tiel kreiĝis relativa harmonio inter la E-movado kaj la diktaturo. Tiun fenomenon oni povas interprti kiel pruvon de la vivkapablo de la E-movado, sed certe ankaŭ kiel ĝian prostituiĝon. Dependas de la vidpunkto.

6. La diktaturo ne toleris grupiĝojn de civitanoj, kiuj ne integriĝis en la specifan hierarkion de la sistemo. Tio tamen ankaŭ signifis, ke organizaĵoj, kiuj

iel gajnis la rajton por ekzisto, fariĝis iasence oficialaj, kvazaŭ „ŝtataj". Tiu trajto helpis detrui la verdan izoliĝemon, sektemon, kaj ampleksigis la sociajn rilatojn de la E-aj organizaĵoj. Paradokse la diktaturo signife modernigis kaj profesiigis la E-istan agadon.

7. La E-movado tamen restis certagrade fremda elemento en la diktatura sistemo. Tamen „ne tre danĝera". Kiel tia, ĝi estis prezentita ankaŭ kiel pruvo de la demokratieco de tiuj sistemoj.

8. En la diktatura sistemo valoraj homaj energioj ne rajtis disvolviĝi libere, kaj estis neuzitaj, se ili ne volis kvazaŭ-agadi en la kvazaŭ-politiko. Por tiuj estis sufiĉe alloga tereno la E-movado, kiu estis malpli intense kontrolata, kaj tial la agado tie estis pli libera ol sur pli signifaj kaj centraj terenoj de la socio. Tial la E-movado arigis pli da kapablaj homoj ol ĝi sukcesis en demokratiaj socioj.

9. La elcentre direktita gazetaro simpligis ankaŭ la metodojn de informado pri Esperanto.

Kion profitis la E-organizaĵoj?

1. Ili estis ŝtate rekonataj, kio donis devon (subtenadon de la sistemo) kaj rajtojn (efike disvastigi E-on). Ili ricevis subvencion — kies sumo tre variis laŭ landoj — kiu sufiĉis por baza agado: dungado de 1-2 oficistoj, luado de taŭga ejo, eldonado de revuo ktp.

2. Ili ĝuis ankaŭ kromajn ekonomiajn privilegiojn.

3. Kiel „oficialaj" instancoj, ili ĝuis certajn privilegiojn (ekz. eksterlandajn vojaĝojn), kiujn ili povis peri al la membroj, kaj tio altigis ilian altirforton.

4. Ili ricevis relative prestiĝan pozicion, kio plu levis la socian reputacion de Esperanto.

5. Ili daŭre povis ĉerpi el la homaj energioj kondamnitaj al inerteco.

Kion alportos la estonteco? Ĝi ne ŝajnas esti hela. Demokratioj estas pragmatismaj, kaj el pragmatisma vidpunkto Esperanto en la nuna momento ne multe ofertas. Kaj pri ideologiaj argumentoj la eksdiktaturaj socioj estas plensataj.

Homoj en Orienta Eŭropo dekutimiĝis de memstara agado, kaj daŭre atendas paŝojn desupre. Sed tiajn paŝojn ne faros la movadaj gvidantoj, kiuj eĉ imagon ne havas, kiel adaptiĝi al la novaj cirkonstancoj.

La E-organizaĵoj perdas siajn subvenciojn, kaj la ceteraj privilegioj perdas sian signifon. La merkata ekonomio kaj la eblo de libera politika agado forlogos aron da kapabluloj. La ekonomia krizo malebligos al multaj aĉeti E-librojn kaj — gazetojn. Kaj la financaj kaj politikaj perturboj detruos la tradiciajn kontaktojn, la merkaton bazan de la E-kulturvaroj produktitaj en Hungario.

Ĉu ĉi tiu artikolo ne volas esti apologio de la molaj diktaturoj? Tute ne. Ĝi volis nur iom disblovi la nebulkurtenon de la eŭforio, kiu kovras la nudan realon, kun la espero, ke sobra alfrontado de la ĵus finiĝinta pasinteco helpos trovi adekvatan strategion por la futuro.

Marko Petrović

## IL DIAVOLO

Nu, karaj najbaroj, via Italio –
pro „il diavolo" (pro volo de dio),
estas en la kaĉo de l' golfa milito
kiun lanĉis rito de l' petrolprofito
kaj la karambolo pro agresabolo
en la diablejo de l' petrola bejo!

Dum en Arabio – pro petrola dio –
milite baraktas la grandaj potencoj,
Alilande tajdas danĝeraj tendencoj:

Per Oniradio krozas profetklaĉo
ke Jugo-slavio jam estas en laĉo
de la samurajoj kaj la ŝogunaĉo
kiuj sub kapuĉo tostas per la kruĉo
por civila buĉo per milita puĉo!

Kaptas min teruro pro ŝtatkalamburo –
pro ŝoguna scio pri geografio
ĉar Kuvajto estas ne en Arabio,
sed en la baltia lando Litovio.

Litovio estas en Adria Golfo,
lando Slovenio ne sentas sin orfo
apud Estonio. Lando Kroatio –
en „federacio" kun Grandsadamio,
samsorte najbaras kun lando Latvio.

Pro tektona premo, nepras la tertremo
pro homogenigo de landoj al ŝtatoj
per la apartigo de „rajtoj" kaj fratoj.

Kaj – ĉar municio rimas kun nacio –
ĉu (por fino de la ĉiomaj jarcentoj)
nur nukleaj bomboj estu argumentoj
por landosituoj en la kontinentoj?

MARKO PETROVIĆ estas beograda esperantisto, kiu antaŭ kelkaj monatoj aperigis poemaron sub la titolo „Ilia tosto je nia kosto" (eldono de Zagreba Esperanto-Ligo). La poemaro estas verkita en satirisma stilo. En rimitaj versoj Marko Petrović ridindigas la politikajn eventojn kaj cirkonstancojn. La ĉi-supra poemo estas unu el liaj plej novaj verkoj, kaj ĝi parolas pri perturboj en la mondo. En tempo iomete trista, jen tragikomika poemo.








KROATIA
ESPERANTA
POEMARO



# KROATIA ESPERANTA POEMARO

Antologija originalne esperantske poezije autora veznih uz Hrvatsku i njen esperantski pokret od njegovih početaka do danas. Zastupljeno je 22 autora: D. Brozović, Z. Helde, N. Hohlov, D. Mikuličić, T. Sekelj, V. Skaljer-Race, B. Vančik, J. Velebit i drugi.

Predgovor je napisao Istvan Ertl. Urednici: L. Borčić. I. Špoljarec i Z. Tišljar.

Izdavač: Internacia Kultura Servo (IKS), Zagreb.

Format 14,5 x 20,5 cm. 110 stranica. Korice knjige su u boji. Redovna cijena: 140 din.

**Specijalna promotivna cijena (samo do 15. 07. 1991.): 100 din**

# RUMANA ANTOLOGIO

Ova antologija je prvi dio zamišljene "BALKANSKE ANTOLOGIJE". Ostvarena je solidarnom financijskom pomoći i suradnjom esperantista širom svijeta sa željom za obnavljanje i napredak esperanta u Rumunjskoj.

Urednici C. Dominte i J. Nagy uvrstili su u ovo djelo prijevode radova 27 najznačajnijih rumunjskih pjesnika i prozaista ovog stoljeća.

Izdavači su Internacia Kultura Servo iz Zagreba i Udruženje pisaca Rumunjske. Format: 14,5 x 20,5 cm. 92 stranice.

**CIJENA: 100 din**



RUMANA
ANTOLOGIO

# RJEČNICI Gjivoje u 3 verzije

Izdavačka kuća EDISTUDIO iz Italije objavila je novo luksuzno ukoričeno izdanje Gjivojevog rječnika u suradnji sa štamparijom Spindulys iz Kanausa u Litvi. Tako na naše tržište dolaze ponovo kvalitetni i traženi rječnici M. Gjivoja i S. Živanovića u tri verzije:

1. ESPERANTSKO–SRPSKOHRVATSKI (Živanović, Gjivoje), 254 str. .......... 300 din
2. HRVATSKOSRPSKO–ESPERANTSKI (Gjivoje), 367 str. ......................... 360 din
3. 1 + 2 (esperantsko-srpskohrvatski i hrvatskosrpsko-esperantski), 621 str. ........ 600 din

Prva pošiljka ovih rječnika je nedavno pristigla u našu ustanovu. Obavještavamo vas da s obzirom na ograničenu količinu pristiglih primjeraka rječnike šaljemo samo po primitku uplate poštanskom uplatnicom!

# POSEBNA PONUDA

1. PANORAMO DE ESPERANTA LITERATURO - Gjivoje (280 str.) .... 100 din
2. INFODUKTOJ - Luc De Brabandere (popularscienca verko, 142 str.) .. 150
3. HOMOJ – TIAJ KAJ ALIAJ - W. Uberzwerch (historietoj, 90 str.) ..... 50
4. SONĜO KAJ MALDORMO SUB LA KARPENETO - Ivo Andrić ..... 50
5. NOVELARO - Grgur Karlovčan (36 str.) ........................ 50

MEĐUNARODNI CENTAR ZA USLUGE U KULTURI - IKS

41000 ZAGREB,Amruševa 5/1, pp 499

telefoni: (041) 429-566, 429-405 telefaks: (041) 421-294

## AŬGUSTO

3-8. – 25-a INTERNACIA KONFERENCO DE ILEI, Voss, Norvegio. (M. Jones, 41 Causeway, Chippenham, Wiltshire, Britio SN15 3DD). Temo: „Tyresö, Rauma kaj nun ...?"

3-9. – 13-aj TURISMAJ TAGOJ, Žilina, Ĉeĥoslovakio (Esperanto-klubo, Pk. B-152, CS-012 41 Žilina).

3-10. – INTERNACIA FERIA SEMAJNO DE TANEF, Waasmunster, Belgio. (Ghislain Jacobs, Kerkstraat 67, B-3200 Kessel-Lo).

tempo

**Časopis Saveza za esperanto Hrvatske / Informilo de Kroatia Esperanto-Ligo, ZAGREB – 1991. 07. 01. – Broj/numero: 50 – Godina/jaro: XII – Broj primjeraka/ekzempleroj: 500. – Osnivač i izdavač/fondinto kaj eldonisto:** Savez za esperanto Hrvatske/Kroatia Esperanto-Ligo – **Članovi uredništva / redakcianoj:** Marija Belošević, Višnja Branković, Davor Grgat, Josip Pleadin, Radoslav Škalamera – **Glavni i odgovorni urednim/ĉefa kaj respondeca redaktoro:** Josip Pleadin – **Grafičko uređenje/grafika aranĝo:** Josip Pleadin – **Savjet glasila/konsilantaro:** Josip Brkanac, Milan Kočiš (predsj./prez.), Irma Kovačić, Ivo Osibov, Ivica Špoljarec – **Adresa redakcije/adreso de la redakcio:** na adresi glavnog urednika/adreso de la ĉefredaktoro – **Adresa glavnog urednika/adreso de la ĉefredaktoro:** Josip Pleadin, B. Markača 1, YU-43350 Đurđevac, tel. (043) 814-630, telefakso: ce PTT Đurđevac (por Josip Pleadin) (043) 811-998 – **Časopis izlazi dvomjesečno / la informilo aperas dumonate. Cijena primjerka / prezo de unuopa numero:** 25,00 dinara/dinaroj – **Godišnja pretplata bez članarine SEH-u / Jarabono sen kotizo al KEL:** 120,00 – **Godišnja pretplata s članarinom / Jarabono kun kotizo:** 150,00 (punoljetni/plenaĝuloj); 80,00 (omladina/junularo); **Godišnja pretplata za članove E-društava / Jarabono por membroj de E-societoj:** 80,00 (s članarinom SEH-u /kutn kotizo al KEL); 40,00 (omadina do 18 godina s članarinom SEH-u / junularo ĝis 18-jara, kun kotizo al KEL); **Inozemna pretplata / eksterlanda abono:** 20,00 gld.; **Pojedinačni primjerak /unuopa numero:** 4,00 gld. Pretplate u Jugoslaviji plaćaju se na žiro-račun: 30102-678-4863 a inozemne pretplate na račun krel-z kod UEA / Enlandaj abonoj direktataj al ĝir-konto 30102-678-4863, kaj eksterlandaj al konto krel-z ĉe UEA. **Tisak / presis:** Josip Pleadin, Đurđevac.

**Časopis Saveza za esperanto Hrvatske „Tempo", oslobođen je plaćanja posebnog poreza na promet mišljenjem Ministarstva informiranja Republike Hrvatske broj 523-91-2 (klasa 410-19/91-02/476) od 25. ožujka 1991. godine.**